


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2007.2**




**Tunelo de Kunjun-monto sur la fervojo de Ĉinio al Tibeto**

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# La fervojistoj festos en Hungario

Inter la 30-a de junio kaj la 1-a de julio 2007, en la urbo Gyoer okazos la ĉijara Hungarlanda Amika Renkonto de la Fervojistaj Esperantistoj. La programo enhavas urborigardon, festan kunvenon, ekskurson al la abatejo Pannonhalma (Parto de la Monda Heredaĵo) kaj balon.



*Abatejo Pannonhalma*

Ni povas certigi malmultekostan tranoktejon, bonan provizadon. Pri la aliĝoj, prezoj ni informos vin ankaŭ ĉi tie. Kore ni invitas ankaŭ eksterlandajn fervojistojn.

D-ro Imre Ferenczy

iferdr@t-online.hu

**Frontpaĝe.**

La tunelo de Kunlun-monto (Ĉinio) kun longeco de 1 686 m-oj estas la plej longa altebenaĵa frostotera tunelo.

*Se vi deziras sperti ĝin, profitu la viziton proponitan en paĝo 37.*

## Enhavo




12-a / 19-a de majo 2007

# la venonta IFEF-kongreso en Parizo

*Pri la ekskursoj*

## POSTKONGRESO en LIONO

**Liono**, ĉefurbo de la departamento Rodano, ankaŭ estas ĉefurbo de la regiono Rodano-Alpoj.
*Liono* estas la dua urbo de Francio laŭ la nombro da loĝantoj. Ĝi situas je la kunfluejo de Rodano (*Rhône*) kaj Saono(*Saône*). 445 452 loĝantoj en 1999. Liono (tiam latine: *Lugdunum*) estis fondita de la romia generalo *Lucius Munatius Plancus* je ĉirkaŭ - 43. Dum la romia periodo, Liono estis la gaŭlia ĉefurbo.

**La liona urbaro** havas privilegian situacion sine de la rodana valo. Natura rivero-sulko, ĝi estas randita: norde de la boĵoleza regiono, okcidente de la lionaj montetoj, oriente kaj norde de la izera ebenaĵo.

Vojkruciĝo, Liono ankaŭ estas rivera, fervoja kaj aera krucaĵoj. Tia situo donas al la urbo grandan komercan rolon.

Sed Liono restas kultura metropolo: universitatoj, superaj lernejoj sciencaj, eldonentreprenoj, gazetoj...ktp, oferas ĉiujn servojn, kiuj karakterizas grandan urbon.

Nuntempe, multnombraj industrioj: kemiaj, metalurgiaj, teksaj, kontribuas al la ekonomia potenco de la urbaro.

Dank'al siaj strukturoj kaj servoj, Liono



*Liona blazono*

estas la unua regiona ĉefurbo en Francio.

# La lionaj vidindaĵoj

**Posttagmeze, vizitoj gvidataj de liona esperantisto**

**- La "Croix Rousse"** (Rufa Kruco), laborista kvartalo, estas monteto, kie oni laboras, male al " Fourvière", monteto kie oni preĝas.
Tiu kvartalo estis konstruita komence de la XIX-a jarcento sur posedaĵo de religiaj komunumoj. La deklivoj de la Rufa Kruco estis klasitaj kiel " monda kultura heredaĵo de U.N.ES.C.O." en 1999.

*La grandaj niveldiferencoj influis la kurbecon de la stratoj, kiuj laŭiras la kurbojn de nivelo aŭ, fronte al la deklivo, iĝas ŝtuparoj.*

La silklaboristoj (les Canuts), vivis en konstruaĵoj speciale elpensitaj por enteni la imponajn teksilojn kaj la novajn teksmaŝinojn eltrovitajn de Jacquard.

En la malnovaj areoj, la mallarĝaj stratetoj serpentumas inter la altaj konstruaĵoj, traboritaj per " traboules" (mallarĝaj kondukovojoj inter du stratoj, tra dombloko, por faciligi la piediradon).

La suprenirejo, ĉefa vojo inter Liono kaj la Rufa Kruco, randita per domoj ekde la Mezepoko, konservas, en sia malalta parto, la vizaĝon, kiun ĝi prezentis en la XIX-a jarcento. Sed, la pli alta parto estas nuntempe, tute renovigita.

**- La hejmo "de la Canuts"**

Loko de malkovro, plena je la spiritostato de la Rufa Kruco, la hejmo "de la Canuts" (nomo de la lionaj teksistoj), celas al daŭrigi la tradiciojn, la kutimojn kaj la gestojn de la teksistoj, partoprenintaj al la famo de Liono kaj de la silkaĵo en la mondo. La diversaj ekspozicio-ĉambroj eblas sekvi la teknologian evoluon de la teksarto.

La lionaj teksistoj prilaboris fadenojn el silko, sed ankaŭ el oro aŭ arĝento; la hejmo "de la Canuts" estas la deponejo de iliaj sekretoj, viva konservatorio de la teksarto.

En la labirinto de la silkaĵo, oni gvidas la vizitantojn tra la historio de la silko, tiu mirinda fibro, malkovrita antaŭ 7 500 jaroj, kaj sciigita eksterlanden de ĉina princino (Si Ling Ĉi, edzino de la imperiestro Houang-Ti, 2690 jarojn antaŭ JK) .

Oni malkovras arojn da antikvaj teksaĵoj kaj pasamentaĵoj, ilojn de teksistoj … Oni ankaŭ povas sekvi demonstrojn per manmaŝinoj kaj mekanikaj maŝinoj.

Nobla teksaĵo, kun ŝanĝ-brilaj rebriloj, la silko koloriĝas per riĉa paletro, de la plej brilaj koloroj ĝis la plej mildaj paŝteloj.

Printita aŭ manpentrita, ĝi elegante vestas sin per riĉaj desegnoj aŭ artistaj pentraĵoj. Prilaborita, ĝi kunmetas reliefojn kaj kolorojn por krei la plej belajn teksaĵojn en la mondo.

Rigardante al la estonto, al la alta kudrarto kaj al la artistikaj ellaboradoj, la silkaĵo eniras, kviete, en la trian jarmilon.

**KoToPo**

Vespere, je la 19-a, vi eniros KoToPo-n, la faman multkulturan ejon, kie vi manĝos kaj travivos viglan finvesperon.

KoToPo estas loko, kie oni povas aŭskulti prelegojn, partopreni debatojn, spekti spektaklojn, viziti ekspoziciojn aŭ simple sidi en la trinkejo kaj diskuti kun amikoj. Ĉiuj el tiuj diversaj eblecoj havas komunan econ: malfermon al la aliaj kulturoj. En KoToPo, oni povas trovi informojn, ne nur priesperantajn, sed pri plej diversaj lingvoj.

La skipo de KoToPo, ofte internacia,



mem helpas krei tiun multkulturan etoson.

**Dimanĉe, la 20-an de majo**

**Matene**, gvidataj de liona esperantisto, vi vizitos la malnovan urbon. La malnova Liono estis, jam en 1964, la unua protektita kvartalo en Francio. Ĝi estas unu el la plej vastaj renesancaj tutaĵoj kaj estas klasita en la monda kultura heredaĵo de U.N.E.S.C.O.

Tiu kvartalo alkroĉiĝas al la monteto-deklivoj de Fourvière. Ĝi organiziĝas ĉirkaŭ tri religiaj konstruaĵoj:



**La katedralo Sankta Johano**, la plej malnova, kiu konservas romanikan absidon sed atestas tradician gotikan arton, entenas rimarkindan astronomian horloĝon kaj admirindan centran rozvitralon. Ĝia burbona kapelo estis konstruita en la XV-a jarcento.

**La ĉarma romanika preĝejo Sankta Paolo**, kun sia oktangula sonorilturo, siaj freskoj, datumantaj de 1840, prezentantaj muzikistajn anĝelojn, kaj sia



bonega akustiko, taŭgas por la koncertoj.

**La preĝejo Sankta Georgo**, estis konstruita en la XIX-a jarcento de Bosson, arkitekto de la baziliko de Fourvière. Ĉirkaŭ la preĝejo, la mezepokaj domoj estis larĝigitaj kaj plibeligitaj dum la XVI-a kaj XVII-a jarcentoj.

***Ĝis 1960, la malnova Liono estis tre difektita, sed dank'al la ŝtato, la urbo, kaj la asocio "Renoviĝo de la malnova Liono", ĝi vere renoviĝis kaj meritas vian atenton.***

# Raporto de la kasisto por la jaro 2006

| Enspezoj | EŬR | Elspezoj | EŬR |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 6212,00 | IF-presado | 1500,00 |
| Donaco | 18,78 | IF-sendo | 1397,00 |
| FFK-vendo | 17,00 | UEA-kotizo | 168,00 |
| Historio (+ supl.) | 8,00 | Afrankoj FK | 108,99 |
| | | Estraro | 241,08 |
| | | Bankkostoj | 14,50 |
| **Sumo :** | 6255,78 | **Sumo :** | 3429,57 |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2005** | **2006** |
| Aŭstrio | 72 | 56 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | 16 | 15 |
| Ĉeĥio | 40 | 40 |
| Ĉinio | 15 | 15 |
| Danio | 60 | 60 |
| Francio | 101 | 110 |
| Germanio | 178 | 137 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 70 | 65 |
| Japanio | 20 | 15 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 38 | 36 |
| Pollando | 15 | 15 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio | | 15 |
| Serbio-Mont. | 10 | |
| Slovakio | 15 | 10 |
| Slovenio | 6 | 6 |
| Individuoj (5 CH + 6 NL) | 16 | 11 |
| | 762 | 696 |

| Bilanco je la 31-a de decembro 2006 | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **EŬR** | **Pasivoj** | **EŬR** |
| Banko | 7190,08 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA-konto | 1706,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Kaso | 586,71 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| ricevotaj kotiz. | 873,00 | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 0,00 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 4437,40 |
| | | ĉijara rezulto | 2826,21 |
| | | antaŭricevitaj kotizoj 2007 | 70,00 |
| **Sumo :** | 10356,47 | **Sumo :** | 10356,47 |

| Propono de buĝeto por la jaro 2008 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **EŬR** | **Elspezoj** | **EŬR** |
| Kotizoj | 6000,00 | IF-presado | 2100,00 |
| FFK-vendo | 50,00 | IF-sendo | 1800,00 |
| | | UEA-kotizo | 170,00 |
| | | Afrankoj FK | 120,00 |
| | | FFK-presado | 200,00 |
| | | Estraro | 1400,00 |
| | | ifef.net | 30,00 |
| | | Bankkostoj | 20,00 |
| | | Diversaj | 210,00 |
| **Sumo :** | 6050,00 | **Sumo :** | 6050,00 |

**Tagordo de la nepublika komitatkunsido 14.05.2007**

1. Malfermo, konstato mandatoj
Diskuto kongrespropono(j)
2.1. Elekto estraranoj
3. Diskuto kasraporto-bilanco 2006/buĝeto 2008
4. Diskuto, analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto venontaj kongresoj
6. Analizo eksteraj rilatoj
Eventualaĵoj
Resumo de jarraportoj 2006 el la landaj asocioj
Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
Buĝeto 2008 kaj kotizkonfirmo
Rilatoj al aliaj organizoj
13.l. UEA
13.2. FISAIC
Venontaj kongresoj
Konfirmo de invito al la 60-a IFK 2008
Elekto de lando por 2009, la 61a IFK
Diskuto pri pluaj eblecoj
Venontaj IFES 2008 kaj 2009
Eventualaĵoj
Libera diskutado

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

**Tagordo de la publika plenkunsido 15.05.2007**

Malfermo, konstato mandatoj
Ricevitaj telegramoj, leteroj
Honorigo al la mortintoj
Estraranaj raportoj
Sekretario
Redaktoro
Kasisto
Protokolo Ŝanhajo (CN)
Raporto de la ĉefkomitatano
Kongrespropono(j)
7.1. Elekto estraranoj
Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
Gvidanto
Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
Raportoj de la komisiitoj
Skisemajno (IFES) 2007
Fervoja Koresponda Servo (FKS)
Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA

# Kongrespropono de DEFA

Kongrespropono de DEFA por pritrakto al la IFEF-komitato en la 59-a IFEF-kongreso en Parizo:
IFEF-Statuto kaj regularoj, ĉapitro VIII. (Kongresa Regularo), punkto 4 havu jenan tekston:
"Kutime la landa asocio invitas al la kongreso. *Tri jarojn* antaŭ la kongreso, la komitato provizore devas elekti la kongreslandon. *Du jarojn* antaŭ la kongreso, la komitato devas konfirmi tiun elekton, kaj samtempe la gastigonta lando *laŭeble* konatigu la kongreslokon. *Unu jaron antaŭ la kongreso estu prezentita provizora programo kaj aliĝilo."*

**Komento:**

*Ne havas sencon, ke la komitato devas konfirmi kongreslokon kelkajn horojn aŭ tagojn antaŭ ol la venonta LKK prezentos aliĝilojn, glumarkojn ktp. Tio ŝajnas superfluaĵo kaj povus en ekstrema kazo (ke la komitato malakceptas) damaĝi la tutan preparlaboron de la LKK.*

*Jindřich Tomíšek, Ĉk de IFEF*

# Jarraporto de la sekretario por la jaro 2006

## Niaj mortintoj

Nomoj de niaj malaperintoj estos legataj dum la plenkunsido en Parizo.

## Membrostato

La aktuala membrostato estas eltirebla de la jarraporto de la Vp.

## Interna laboro

### *Estrarkunvenoj*

La estraro kunvenis dufoje ekster-kongrese:
- la unuan fojon en PORTBAIL (FR) 13.04.2006 post la Kongreso de FFEA (07-12 aprilo 2006). Ĉeestis la Pr, Vp, Rd kaj Ks kiel estraranoj. Mi, kiel Sk ne povis partopreni pro malsano. Anstataŭ mi, la Ks, Laurent Vignaud prizorgis la tutan laboron pri la protokolo de tiu ĉi kunveno: li protokolis, poste korektis helpe de aliaj estraranoj kaj finfine dissendis al la komitatanoj, komisiitoj kaj honoraj membroj de IFEF. Krom la anoj de la estraro, ĉeestis la Ĉk Jindrích Tomišek (CZ), parte ankaŭ la anstataŭantino, s-ino Rodica Todor (RO) kaj s-ino Syl-vianeLafargue(FR) pro kelkaj punktoj de la tagordo.
- la duan fojon la e-o renkontiĝis en ARNOLDSTEIN (AT) 08/09.09.2006 okaze de la Trilanda renkontiĝo sur Dreiländereck (la 10-an de septembro 2006) Krom la tuta e-o ankaŭ la Ĉk Jindrích Tomišek ĉeestis.

La e-o traktis kunlabore la kutimajn tagordojn.

### *Ĉefkomitatano(j)*

La Ĉk plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; li dissendis la cirkuleron kun la demandiloj kaj apartaj demandoj al la l. a. kaj kun la Vp kolektis la jarraportojn, preparis kongresproponojn, kun la Ks ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj, ĉeestis kelkajn jarkunvenojn de l.a.

La Ĉk, s-ro Jindřich Tomišek (CZ) kaj la anstataŭantino, s-ino Rodica Todor (RO) estis reelektitaj dum la lasta IFK en Ŝanhajo.

## Evoluo en kelkaj landoj

La raporto de la KS montras pli precize kiel evoluas la membronombro laŭ pagitaj jarkotizoj.

## Laborplano

### *Koresponda servo*

S-ro Dan Dragos Aldea (RO) zorgas pri tiu servo.

### *Faka Komisiono*

Pri la Komisiono zorgas s-o Jan Niemann kiel gvidanto.

S-o Niemann estas reelektita por la nova, 3-jara oficperiodo same kiel s-ro Ladislav Kovář kiel sekretario de la Fake Aplika Sekcio kaj s-ro Heinz Hoffmann kiel sekretario de la Terminara Sekcio

### *Terminara sekcio*

La TS dum tri-jara periodo tradukis 1097 difinojn de Internacia Fervojunio (UIC). Same, inter du kongresoj 3 numeroj de «Terminara Kuriero» estas eldonitaj.

### *Fake Aplika Sekcio*

La FAS kolektis kaj prizorgis dumkongresajn fakprelegojn en

Ŝanhajo. Same , FAS eldonis la 12--an numeron de Fervojfaka Kajero.

**Fervojista kontaktkunveno dum la 91a UK Florenco (IT) (29.7-5.8.2006)**

Okazis 3 fervojistaj kunvenoj. La kunvenojn ĉeestis po 50 personoj el 14 landoj. La italaj fervojistaj esperantistoj, helpe de la Dopolavoro Ferroviario, organizis ekster la kongresejo la kunvenon, la viziton al fervojhistoria muzeo kaj pertrajnan ekskurson al la urbeto Marradi.

Du fervojistaj kunsidoj okazis kadre de la kongresejo: s-ro Bolognesi parolis pri la celo de la IFEF organizo kaj akcentis la gravecon de la kontaktoj kun UIC kaj FISAIC. S-ro Gulyás kiel A-komitatano, parolis i.a. pri la 58-a IFK en Ŝanhajo kaj pri la venonta IFK en Parizo. S-ino Lafargue detale informis pri la pariza IFK.

**Aranĝoj**

***IFEF Skisemajno***

47a IFES okazis 5-11.2.2006 en Bansko (BG).

***IFEF - Kongreso***

La 58-a IFK ege sukcese okazis 6-13.05.2006 en ŜANHAJO (CN) sub aŭspicio de FISAIC (Ĉinio estis akceptita al FISAIC en septembro 2005), kun 224 partoprenintoj el 18 landoj.

La temo de la kongreso estis «Per Esperanto por la fervojo».

Dank´ al ĉinaj kolegoj, IFEF realigis grandan projekton, transprenante IF-kongreson la unuan fojon ekstere de Eŭropo.

En amikeca, eĉ frateca etoso, ĉiuj programeroj estis bonegkvalite plenumitaj kaj la kongreso certe restis neforgesebla memoraĵo kaj viva sperto.

**Eksteraj rilatoj**

***UEA***

La kontaktoj kaj kunlaboro inter UEA kaj IFEF estas kontentigaj sed menciinda estas preskaŭ konstanta rimarko, ke UEA kutime tro malfrue publikigas UK-programojn. Pro tio, kaj nia A-komitatano, kaj kongresanoj kaj E-fervojistoj en domastraj landoj estas devigataj rapide adaptiĝi al la programo. La termino de fervojista kontaktkunveno ofte koincidas kun aliaj interesaj programeroj.

***FISAIC***

La rilatoj inter FISAIC kaj IFEF estas bonaj.

## Fina komentario

Simile kiel lastjaroj, mi opinias ke la tuta estraro, kaj aliaj komisiitoj plenumis siajn taskojn kiel la plej bone eblas. Mi mem, protokoladis, korespondadis kaj dissendadis la koncernajn dokumentojn al la komitatanoj kaj aliaj funkciuloj kadre de IFEF, al landaj sekcioj de FISAIC, al UEA - centra oficejo ktp.), ĉefe perrete kaj parte perpoŝte. Certe, okazis ke iu letero aŭ retmesaĝo restis sen respondo aŭ sen ĝusttempa reago. Pro tio mi petas pardonon.

Pro la amikaj kaj kolegaj rilatoj, mi dankas al ĉiuj kunlaborantoj, kun aparta danko al kolego Vignaud kiu anstataŭis min dum la printempa e-kunveno en Portbail.

Zagreb, februaro 2007

*Marica BRLETIĆ,*
*Sekretariino de IFEF*

# 26-a konferenco de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio (BFES)

De la 14-a ĝis la 15-a de oktobro 2006 en la sindikata ripozdomo "Studenec" de la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj, okazis la 26-a konferenco de BFES.

La domo situas en la sino de Rodopa montaro, 30 km-ojn distanca sude de la urbo Plovdiv. Multaj partoprenantoj en la konferenco alvenis en la montodomon je la 13-a vendrede por spiri freŝan aeron en la densa pinarbaro aŭtobuso ekveturis al la montaro, al la montodomo. La konferenco estis malfermita je la 16-a. Partoprenis 37 membroj de BFES el la tuta lando.

La prezidanto de la sekcio Veselka Kamburova raportis pri la unujara agado de la sekcio. Ĉiuj prezidantoj de la societoj el la lando ankaŭ raportis pri siaj agadoj. El la raportoj, kiel ruĝa fadeno evidentiĝis, ke la junaj homoj ne deziras lerni Esperan-



*Partoprenintoj de la 26-a konferenco de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio*

- 1 100 metrojn alta super la marnivelo. La pligranda grupo kolektiĝis per la trajnoj en la stacidomo de Plovdiv, sabate tagmeze, kaj per speciale luita ton, ĉar ĝi ne donas profiton. Nur s-ino V. Donkova raportis ke en societo en la urbo Ruse funkcias kurso por komencantoj ariganta 10 personojn.

S-ro Stanil Nikolov prezentis projektoregularon de la sekcio. Oni decidis, ke ĝi estos akceptata dum la sekvonta konferenco.

S-ino Rosica informis pri la kvindek oka IFEF-kongreso en Ŝanhajo, Ĉinio, en kiu ŝi partoprenis kune kun dudek du bulgaraj geesperantistoj. Oni projektis filmon pri la kongreso kaj la ekskursoj. S-ino Reni Georgieva rakontis pri la naŭdek sepa UEA-konferenco en Florenco (Italio). S-ro Angel Maglov rakontis pri sia veturado en Eŭropo gastante ĉe siaj korespondantoj en Germanio kaj Francio.

S-ro Lazar Karakaŝev informis la ĉeestantojn ke li partoprenis kiel bulgara delegito-gasto en la konferenco de la Ĉeĥa Fervojista Esperantista Asocio, kiu okazis en la urbo Pardubice la 9 / 11-ajn de junio 2006.

Li proponis ke la estraro de BFES aranĝu la aferon, por ke ĉiuj membroj de IFEF-Bulgario ricevu senpagan trajnbiletojn okaze de veturado en Eŭropo.

La debatoj, demandoj kaj respondoj daŭris longe. Fine la prezidanto Veleska Kamburova resumis la eldirojn kaj informis la partoprenontojn pri la 59-a IFEF-kongreo okazonta en Parizo (Francio).

Je la 20.00 komenciĝis la vespermanĝo kaj amuzado. Okazis viktorino kaj loterio. Kelkaj kolegoj kantis sole, aliaj deklamis, iuj rakontis humoraĵojn. Ĉiuj kantis esperantajn kantojn, dancis kaj amuziĝis. La bona humoro en esperanta etoso daŭris ĝis malfrua nokto.

Dimanĉe ĉiuj kolektiĝis por komuna foto. La aŭtobuso venis je la 10,30 kaj veturigis ĉiujn al Plovdiv.

De ĉi tie, post brakumado, kisado kaj ĝis revido en la sekvonta printempa renkontiĝo, ĉiu alveturis al sia domo.

*Tonĉo Vàlev*

## Tagordo por la kunveno de FK dum la 59a kongreso:

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 58-a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 60a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio korektado de la adreslisto).

# Tradicia Zamenfof-Festo en Vieno

Antaŭ 147 jaroj, la 15-an de decembro 1859 en la pola urbo Bjalistoko naskiĝis Ludoviko Lazaro Zamenhof, aŭtoro de la internacia lingvo Esperanto, kiel li mem la proponatan lingvon nomis. Esperantistoj en la tuta mondo tradicie solenas tiun ĉi tagon diversmaniere – per renkontiĝoj kun prelegoj, vizito de liaj monumentoj kaj aliaj aranĝoj.



*K. Fetes-Tosegi kaj H. M. Maitzen recitas poemojn de W. Auld*

Verŝajne la plej konvena fariĝis la maniero proponita jam en 1927 de la esperanta poeto kaj dramverkisto Julio Baghy, ke oni naskiĝdatrevenon de D-ro Zamenhof ĉiujare solenu samtempe kiel Tago de la E-libro.

Unu el tradiciaj internaciaj renkontiĝoj tiucelaj estis la Zamenhof-memorkunveno okazinta en la Pola Instituto en Vieno, la 9-an de decembro 2006. Krom kelkdeko da aŭstraj geesperantistoj, partoprenis gastoj el Hungario kaj Ĉeĥio; la programon gvidis Prof. Kata Fetes-Tosegi el Vieno. Salutis reprezentantoj de la Pola Instituto kaj Aŭstria Eperanto-Federacio. Nina kaj Stella Maitzen informis pri "2006 - la jaro de W.A.Mozart", poste Univ. Prof. Heinar Eichner (Universitato de Vieno) kaj s-ino Edit Slezak Ter (Hungario) prelegis pri vivo kaj verkaro de la plej granda E-poeto William Auld, forpasinta la 11-an de septembro 2006. Aŭdiĝis ankaŭ la voĉo de Auld kaj recitado de liaj poemoj en prezento de K. Fetes-Tosegi kaj H.M.Maitzen. (foto)

Post paŭzo en la dua parto de la programo, oni parolis pri perspektivoj de Esperanto en Aŭstrio kun speciala atento al la proksimiĝanta 150-jara naskiĝ-datreveno de Zamenhof. Sekvis projekciado de filmo pri la Centra Oficejo de

UEA. Post kantado de la himnoj Esperanta kaj tiu de Eŭropa Unio, oni projekciis germanlingvan filmon "Koloroj de Pollando". La sukcesan renkontiĝon finis diskutado kaj bufedo kun fona muziko de Chopin, dum kiu oni vigle diskutis kaj interŝanĝis opiniojn.

Jindřich Tomíšek



*Univ. Prof. Heiner Eichner el la Universitato de Vieno prelegas pri la vivo kaj verkaro de William Auld*

## *Himno de Eŭropa Unio*

**Ĝojo bela, dia lumo, Vi, filino de l' ĉiel'**
**Al Vi venas nun adeptoj por saluti kun fidel'**
**Vi mirakle ligas kune dividitojn de la sort'**
**Fratoj estos ĉiuj homoj, kiujn tuŝas Via fort'**
**Vi mirakle ligas kune dividitojn de la sort'**
**Fratoj estos ĉiuj homoj, kiujn tuŝas Via fort'**

**Nia lingvo Esperanto donas helpon al la mond'**
**Ho, kreskadu la anaro de pacema granda rond'**
**Kaj nuliĝu per kompreno la malpaca aĉa front'**
**Nia lingvo Esperanto povas servi kiel pont'**
**Kaj nuliĝu per kompreno la malpaca aĉa front'**
**Nia lingvo Esperanto povas servi kiel pont'**

**(Himno de ĝojo laŭ la 9-a simfonia de L.v.Beethoven)**

# PRELEGO PRI LA FERVOJISTA ESPERANTO-MOVADO INTER LA DU MONDMILITOJ

En kadro de tiel nomata Fervoja temo kiel kutima parto de regula programo de la Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, la 28-an de novembro 2006, la vicprezidanto de KFEA Zlatko Hinšt prelegis pri la fervojista Esperanto-movado inter la du mondaj militoj. Pli precize tio rilatas al periodo inter la jaroj 1924 kaj 1930 unuavice en Kroatio, sed kun trarigardo al aktivuloj el landoj reprezentitaj en la tiama Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj (IAEF). Tio estis tegmenta asocio antaŭ la nuntempa Internacia Fervojista Esperanto-federacio (IFEF). Estas grave ke dank' al la tiama prezidanto de IAEF Stevan Stojnić (enpostenigita kiel kontrolisto kaj konsilanto en la Ĝenerala Fervoja Direkcio) kaj Ilija Puhalo vicprezidanto de IAEF (enpostenigita kiel fervojoficisto en Zagreb). Zagreb fariĝis sidejo de la Asocio. S-ro Puhalo naskiĝis en la vilaĝo Bregi en la jaro 1899, sed bedaŭrinde, preskaŭ juna homo, li mortis pro ostokancero en 1937 kaj estis enterigita en Bregi. Pro lia malsano, li multe suferis. Krom kunfondinto kaj funkciulo de IAEF, Puhalo en periodo 1924-1928 estis teritoria sekretario por Jugoslavio de la Universala Esperanto-Asocio. Ankaŭ aliaj funkciuloj de IAEF estis el Kroatio (Pavao Butković kiel sekretario). Tiutempe, en Zagreb, estis fondita unua fervojista E-organizo en tiama lando - Klubo de Fervojistaj Esperantistoj (la 30-an de aprilo 1925). IAEF konsistis el amaso da multaj unuopaj membroj, el reprezentantoj de 25 landoj (Usono, Aŭstralio, Aŭstrio, Belgio, Brazilo, Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, Estonio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Latvio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Sovetunio, Svedio kaj Svislando).


*S-ro Ilija Puhalo*

Asesoro el tiama Jugoslavio estis Josip Zupanić (1896-1990), poste kunfondinto de la Fervojista Esperanto-Societo de Zagreb (el kiu ekestis KFEA) kaj redaktoro de bulteno «Jugoslava Fervojisto».

En Zagreb Ilija Puhalo eldonadis kaj redaktadis oficialan organon de IAEF «La Fervojisto» - monatan fakrevuon pri fervojo. KFEA en sia posedo konservis entute 29 numerojn de «La Fervojisto» ekde la jaroj 1924 ĝis 1930. Ĉeestintaj anoj dum la prelego havis okazon trarigardi originalajn ekzemplerojn de la koncerna revuo. Krom tio, estis prezentitaj dokumentoj (leteroj) senditaj al Puhalo de diversaj esperantistoj (interalie li estis amiko de Edmond Privat). Speciale estas interesaj du cirkuleroj al la membraro de IAEF de la jaro 1931 (kolektis nia esperantisto kaj amiko Josip Pleadin). En la revuo «La Fervojisto» oni prezentis diversajn

# Terminologia angulo

Rezulte el bonega kunlaboro inter la *UIC*-kolegino *Rosalinde Taucher* kaj mi, senprobleme sukcesas enigi difinojn kaj terminojn en la *UIC*-datumbankon *RailLexic* laŭ niaj decidoj, por ke nia aktuala laborrezulto aperu en la eldonota *CD-ROM*-disketo *RailLexic 4.0*.

Por iom faciligi serĉadon en terminaro, mi intencas oportunkaze renversigi la vortordon de plurelementaj terminoj. Jen du ekzemploj:

**08235 elvetursignalilo**

Eblo por montri kune, ĉiujn signalilo-terminojn, estas anstataŭigo de plur-elementa substantivo per duvorta termino (substantivo, adjektivo). Terminmodifo de „elvetursignalilo” al „signalilo elvetura” eblas sen ŝanĝiĝo de senco.

**00604 antaŭsignalilo**

Tiukaze terminmodifo al „signalilo antaŭa” iom ŝanĝus la sencon, do ne oportunas. *RailLexic*-sistemo ebligas ankaŭ alian solvon - per aldono de terminvariantoj. Al tio servas sesa cifero de la ŝlosilnumero. Por laŭalfabete listigi kaj la originan terminon kaj renversan varianton, oportunas enigi:

006040 antaŭsignalilo

006041 signalilo [antaŭ-]

Tiukaze aperus ekzemple en terminarlibro Esperanto – Ĉeĥa laŭalfabete:

**antaŭsignalilo** PR65/604 předvěst / f/

**signalilo [antaŭ-]** PR65/604 předvěst /f/

En renversa terminarlibro, ekzemple Dana – Esperanto, aperus sole la origina Esperanto-varianto:

**fremskudt signal** /n/ PR65/604 antaŭ-signalilo

**signal [fremskudt -]** /n/ PR65/604 antaŭsignalilo

Tamen, por ne tro ampleksigi la enigojn, ni limigu tian solvon al vere bazaj fervojaj terminoj.

*Heinz Hoffmann*,
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

---

aspektojn, artikolojn kaj rubrikojn de la revuo. La redaktoro Puhalo regule verkis enkondukojn en la revuo kaj ofte tradukis fakartikolojn el germanaj revuoj. Fakaj artikoloj de diversaj aŭtoroj estis tre bonaj; komenciĝas la laboro en la fervojfaka terminologio kaj tradukado de internaciaj fervojaj dokumentoj (oficialaj konvencioj). Krom tio, ekzistis permanentaj rubrikoj pri socia vivo, oficialaj sciigoj kaj aktualaĵoj pri la laboro de IAEF ). La kompleta enhavo de «La Fervojisto» estis tre kvalita kaj lingve en alta nivelo.

Sub sama nomo «La Fervojisto» francaj esperantistoj eldonadis bultenon en Parizo en kvindekaj jaroj de pasinta jarcento (KFEA posedas malgradan kolekton de LF el ĉi-tiu periodo).

*D-ro Zlatko Hinšt*

# PRELEGO DE JOSIP PLEADIN SINE DE LA KROATA FERVOJISTA E-ASOCIO

Josip Pleadin elstara kroata esperantisto, entreprenisto-eldonisto, verkisto, tradukisto, historiisto de la Esperanto-movado, precipe en Kroatio, okaze de Zamenhofa tago, prezentis sian laboron prelegante por la Kroata Fervojista Esperanto-Asocio la 12-an de decembro 2006. S-ro Pleadin, en unua parto de sia prelego, prezentis sian novan libron sub la titolo «Ordeno de verda plumo - Leksikono pri esperantlingvaj verkistoj». Antaŭ tio, la Leksikono estis reprezentita en internacia renkontiĝo de esperantaj verkistoj en bieno de konata kroata E-verkistino kaj sekretariino de la Kroata Esperanto-Ligo Spomenka Štimec en la regiono de Hrvatsko Zagorje kaj dum la Universala kongreso en Florenco. La eldonisto de la leksikono estas lia privata firmao «Grafokom» el Đurđevac (Ĝurĝevac) – urbeto de la regiono Podravina en la norda parto de Kroatio. La leksikono enhavas biografiojn de esperantaj verkistoj el la tuta mondo kaj tio faras unikan tiuspecan verkon. En la jaro 2002 li kompilis kaj eldonis «Biografia leksikono de kroataj esperantistoj». En la dua parto, s-ro Pleadin prelegis pri siaj esploroj de historio pri la movado de la esperantistaj fervojistoj inter la du mondaj militoj en Kroatio, kadre de tiama IAEF, precipe pri agado de Ilija Puhalo. Interalie, s-ro Puhalo estis fondinto kaj prezidanto de Esperanto-klubo en sia naskiĝvilaĝo Bregi apud pli granda urbo Koprivnica en la regiono Podravina. Tio estis unika esperanta fenomeno en la mondo. S-ro Pleadin interparolis kun liatempe vivantaj esperantistoj en la vilaĝo Bregi. Krom menciitaj temoj la kolego Pleadin parolis pri siaj planoj en esperanta agado – fondigo de speciala muzeo kun kolektitaj heredaĵoj kaj sciigoj el liaj esploroj, kolektoj de eksjugoslavaj kaj kroataj revuoj (multajn li kompletigis, sed plu li planas kompletigi kaj konservi ĉiujn numerojn de «Jugoslavia Fervojisto») kaj fari arkivon de esperanta dokumentaro en Kroatio. Unuvorte, kara kolego Josip Pleadin estas homo de neelĉerpebla energio, prava entuziasto kaj ŝatanto Esperanton. Ni promesis alikaze denove gastigi karan amikon, aŭskulti lin kaj interparoli pri novaj sciigoj kaj rezultoj de lia laboro.

*D-ro Zlatko Hinšt*

# OKAZIGA ARTIKOLO PRI JUBILEO DE ESPERANTA FERVOJISTA BULTENO

En la oficiala organo – revuo «Tempo» en numero por septembro 2006 de la Kroata Esperanto-Ligo (KEL) aperis artikolo sub titolo «50-jariĝo de Jugoslava Fervojisto» de Zlatko Hinšt. La revuo, krom en papera formo, estas atingebla rete en "**www.esperanto.hr**". Pri la bulteno «Jugoslava Fervojisto», kiun oni eldonadis en Zagreb ekde la 11-a de aprilo 1956 kaj poste en Beograd kiel organo de la tiamaj eksjugoslavaj esperantisto-fervojistoj, vi povas ekscii pli legante la artikolon. Vidu specialan numeron de «Tempo» pri internacia verkista renkontiĝo (aŭguston 2006). Ankaŭ Vi havas eblecon esti informata pri aliaj aferoj de KEL kaj E-movado en Kroatio kaj en la mondo. ***Vizitu TTT-paĝoj de KEL***.

*D-ro Zlatko Hinšt*

# VOJAĜO AL TIBETO EL ĈINIO

**Itinero 1: Pekino – Lhasa – Pekino (5 noktoj kaj 6 tagoj)**

***1-a tago*:**
Alveno al Pekino.Ĉiĉerono ricevos gastojn en la flughaveno kaj akompanos ilin al 3-stela 21-a jarcento-hotelo.
Posttagmeze vizito al la Tian'anmen Placo kaj Imperiestra Palaco.

***2-a tago*:**
Flugo al Lhasa matene. Ripozo tutan tagon en la hotelo por alkutimiĝi al la klimato de la altebenaĵo. Tranokto en 3-stela Xiangbala-hotelo.

***3-a tago*:**
Vizito al la Potala-palaco kaj la parko Norbu Lingka.

***4-a tago*:**
Vizito al la monaĥejoj Jokhang kaj Drepung kaj la Barkhon-strato.

***5-a tago*:**
Vizito al Sera-monaĥejo. Flugo al Pekino posttagmeze kaj enloĝiĝo en 3-stela 21-jarcento-hotelo.

***6-a tago*:**
La ĉiĉerona servo finiĝos post matenmanĝo en la hotelo. La ekskursanoj mem zorgos pri siaj veturoj al flughaveno laú propraj deziro kaj konveno.

**Prezoj:**
Loko en ĉambro- unupersona 1260 EŬR., dulita 1180 EŬR.

**Itinero 2: Pekino – Lhasa – Pekino (9 noktoj kaj 10 tagoj)**

***1-a tago*:**
Alveno al Pekino kaj enloĝiĝo en 3-stela 21-a jercento-hotelo.Ĉiĉerono kontaktos la gastojn en la hotelo kaj informos pri la tagordo de la vizitgrupo.
Kaŭze de la diversaj horoj de la flugoj, la gastoj mem zorgos pri la veturo al la hotelo.

***2-a tago:***
Vizito al la Tian'anmen Placo kaj Imperiestra Palaco.
Vespere (21:30) veturo al Tibeto per trajno en la Pekina Okcidenta Stacidomo.
Tranokto en trajno.

***3-a tago*:**
Manĝado kaj tranokto en trajno. Gastoj mem zorgas pri la manĝaĵoj. Oni povas kunporti manĝaĵojn aú manĝi en trajna manĝejo.

***4-a tago*:**
Vespere (20:58) ni atingos Lhasa kaj enloĝiĝos en 3-stela Xiangbala-hotelo.

***5-a tago*:**
Vizito al la Potala-palaco kaj parko Norbu Lingka.

***6-a tago*:**
Vizito al la monaĥejoj Jokhang kaj Drepung kaj Barkhon-strato.

***7-a tago*:**
Post mantenmanĝo reveno al Pekino per trajno (8:00).

***8-a tago*:**
Same kiel veno al Lhasa.

***9-a tago*:**
Matene (8:00) ni atingos Pekinon.
Vizito al la Granda Muro ĉe Badaling kaj Dingling-maúzoleo.

***10-a tago*:**
Ĉiĉerona servo finiĝos post matenmanĝo en la hotelo. La ekskursanoj mem zorgos pri siaj veturoj al la flughaveno laŭ propraj deziro kaj konveno.

**Prezoj:**
Loko en ĉambro- unupersona 860 EŬR., dulita 780 EŬR.

**Retpoŝto:**
simon_sg@hotmail.com
celturismo@163.com

**Telefono**:
86-10-68995937, 86-10-68995941

**Telefakso**:86-10-68321808

**Poŝt-adreso**:
Turisma Fako de Ĉina Esperanto-Ligo
P.O. Kesto 77
CN-100037 Beijing Ĉinio

# Jubilea Internacia Ekspozicio "Samarkando en ĉiuj Kontinentoj"

Viaj Kontribuoj Atendataj

En aŭgusto 2007, la urbo Samarkando oficiale kaj solene festos sian 2750-jariĝon subaŭspicie de UNESKO. Por celebri la gloran jubileon de la mondfama urbo, la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro kaj loka E-klubo kolektas diversspecajn kaj ĉiulingvajn materialojn (gratulleterojn, vojaĝrakontojn, gazetartikolojn, librojn, broŝurojn, poemojn, kantojn, citaĵojn, fotojn, desegnaĵojn, dokumentojn ktp) pri Samarkando kaj samarkandanoj. Fakte, ĉio ajn pri la temo, inkluzive fotojn kaj/ aŭ informojn pri la hoteloj, restoracioj, vendejoj, stratoj, komunumoj, firmaoj, varoj, librotitoloj, artaĵoj ktp portantaj la nomon "Samarkand" aŭ simile, estos TRE bonvena.



La projekto estas realigata kunlabore kun la Samarkandaj Ŝtataj Muzeoj. La plej interesajn materialojn ni publikigos en nialanda gazetaro. Ĉiuj ricevitaj kontribuaĵoj estos agnoskitaj kaj eksponataj en la internacia ekspozicio en Samarkanda Ŝtata Muzeo pri Historio de Kulturo kaj Artoj de Uzbekistano. Estas ankaŭ planate eldoni specialan jubilean libron.

Anticipajn dankojn por via kunlaboro kaj afabla subteno.

Bonvolu adresi viajn kontribuojn laueble baldaŭ al:

Anatoli Ionesov, Direktoro
Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro
P.O. Box 76, UZ - 140100 Samarkand

Respubliko Uzbekistano

Telefono/ fakso: +998 (66) 233 17 53.
http://www.aliaflanko.de/urbo/samarkand/muzeo.html
http://www.civilsoc.org/nisorgs/uzbek/peacemsm.htm
http://www.esperanto-sat.info/article.php3?id_article=357
Retadreso: imps86@yahoo.com



*Blazono de Samarkando*

# *Nia partopreno en la 23a IF*



De la 27-a de decembro ĝis la 3-a de januaro 2007 , okazis internacia festivalo en Saarbrücken (Germanio). Tiu urbo, proksime de la franca limo, havas multjaran historion . Eĉ en pasinta tempo, ĝi estis franca urbo . Evidente la temo de la semajno estis "Francio – historio kaj nuntempo" .

Multaj prelegoj prezentis Francion laŭ diversaj aspektoj : kulturo, historio, literaturo, kasteloj de luarvalo, fromaĝoj , ktp ....

Ekskurso al Strasburgo estis organizita por malkovri eŭropan kvartalon, kie eŭropaj instancoj instaliĝis .

Ĉiun vesperon okazis arta programo. Oni aplaŭdis Mikaelo Bronstejn, Jomo, Esperanto-desperados, Solo kaj la magiisto (kun blua ŝtono) Trixini .



La esperantaj babiladoj daŭris ĉirkaŭ glaso da biero en kafejo "knajpo".

La 31-a de decembro oni festis novan jaron en bona etoso. Oni gustumis tradician silvestran bufedon kaj poste oni dancis grandan parton de la nokto .

Ni bonvenigis la novan jaron laŭ land-hor-zonoj de la ĉeestantoj .

Je la horo de la rehejmeniro, kelkaj personoj jam rendevuis por la 24-a IF okazonta en Mainz (Germanio).

Ĝis revido

Jeanine kaj andreo
Tef-esperantisto

http://perso.orange.fr/tef-esperanto/

# Fervojo Ruse - Varna 140 jara

La unua fervojlinio sur la bulgara teritorio inter la urboj Ruse kaj Varna estis konstruita antaŭ 140 jaroj. La 7-an de novembro 1866 ĝi ekfunkciis. Tiam Bulgario troviĝis sur la turka jugo. Oficiale tiama distrikta estro (Valia), Mithat paŝao, per specia trajno, en salonvagono "Sultanie" faris la unuan regulan veturadon de Ruse ĝis Varna kaj deklaris, ke la fervojlinio estas preta por funkciado. Ĝi longas 224 km-ojn. Ĝia konstruado daŭris 3 jarojn, de angla konstrusocieto farita de Viliam Gladston, en kiu la gravaj akciistoj estis la fratoj Berklej. Tiam la fervojlinio Ruse - Varna mallongigis la distancon inter Londono kaj Istambulo de ĉirkaŭ 5 tagnoktoj.




*salonvagono "Sultanie"*

En 1878, dum la rusa / turka milito, Bulgario estis liberigita desub la turka jugo.

En 1886, la bulgara ŝtato aĉetis la fervojlinion al la akciuloj por prezo trifoje pli alta - 44,5 milionoj da oraj bulgaraj levoj.

*El la gazeto "Pensioneri"*
*Komplilis : Tonĉo Vàlev*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*


**INTERNACIA FERVOJISTO**
*59-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "